# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# For la iluzion !

## Eĥoj - Neŭtraleco - Nia sinteno - Ĝeneralaj konsideroj - For la iluzion

### Eĥoj

Nia artikolo « *Kien ni iras* » en la Septembra numero, havigis al ni aron da respondoj, aprobaj, kaj kontraŭaj.

Aprobis legantoj el demokrataj landoj.

Germana kaj hungara legantoj protestis. Mallonge kaj militiste la germana : « *Entute falsaj estas viaj priskriboj, ne plu sendu vian gazeton al mi* » kaj kiel saluton « Heil Hitler » !

Klarigante kaj serĉante komprenigi komplikan kvereladon kelkjarcentan, skribis la hungara.

Nia hungara leganto, malnova membro de UEA protestis ĉefe pro la simpatio esprimita al ĉeĥoslovaka popolo. Kaj opinias, ke ni rompas la tradician neŭtralecon. Plie li rimarkigis, ke ni ne simile esprimis nin pri la dispecigo de Hungarlando 1919 kaj aliaj malĵustaĵoj de la « *pac-diktatoj* ».

La formo de tiu ĉi senpasie prezentita vidpunkto, meritas respondon, tiom pro principoj kiom pro korekteco.

### Neŭtraleco

*UEA estas neŭtrala rilate religio, nacieco, politiko kaj sociaj demandoj*, tekstas Art. 4 de la Statuto. Videble la difino datas el tempo malpli konfuza ol la nuna.

Pri la *principo* de neŭtraleco oni ne diskutas, nur pri la *interpreto*. Dum relative normala tempo, la neŭtraleco praktikiĝis tiel, ke oni ne tuŝis ion, kio povus naski disputadon senfinan. Antaŭ la grava laborado plenumota por ideo ĝenerala, tia sinteno praviĝas.

Neniam UEA partoprenis en afero, manifestado, deklaro, kiu kontraŭas la neŭtralecon. La gazeton kaj ĝian redaktadon regas jena artikolo de l'statuto : (Art. 51).

*La revuo estu gvidata laŭ la ĝisnuna tradicio kaj enhavu nenion kontraŭ la celoj aŭ la interesoj de la Asocio. Escepte tio, la Redaktoro ĝuu en sia laboro plej eblan liberecon. Objektivaj informoj pri iaj okazintaĵoj estas permesataj.*

Kaj pri la celoj de UEA diras la statuto

*disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto*

*plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo ;*

*krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia gento au lingva teritorio ;*

*kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.*

Jen la gvidlinioj laŭ kiuj ni devas labori.

### Nia sinteno

Dum la jaroj postmilitaj la sinteno de nia gazeto estis alia ol nun. Sed tio neniel signifas, ke ni trovis ĉion perfekta, kion oni faris en 1919 por ke efektiviĝu la deziro de ĉiuj « *neniam plu milito* ». Tamen ni fidis en la bona volo de kelkaj ŝtatistoj, atingi maksimumon de justeco interpopola per pacaj ritmedoj, sen perforto. Ni fidis, ke el la Ligo de Nacioj, disradiu la spirito de bonvolo, necesa por pace reguligi ekzistantajn malbonaĵojn.

La spirito de bonvolo estis forpelita iom post iom per la rutino, per la malgrandaj kombinoj kaj per la konstanta cedo en problemoj principaj. Kiel esperantistoj ni perdis la fidon okaze de l'diskutado pri la adopto de Esperanto kiel internacia lingvo.

Ni havis iluziojn (kiu ne havis ilin ?) Ni fidis, ke la evidentaj maljustaĵoj, estas forigotaj per pacaj procedoj. La jura instrumento ja ekzistis en la « pacdiktatoj » mem. Kaj ni esperis...

Hodiaŭ nia sinteno estas videble alia. Nia movado, eĉ en plej malhelaj tagoj de l'milito, neniam estis persekutita. Kiel kuriozaĵon ni nur menciu, ke dum la milito nia gazeto estis en Francujo « *ĉar ĝi povus malfavore influi batalanton ĉe fronto !* »

La situacio entute ŝanĝiĝis depost 1933. Ni memoru la iom post ioman forigon de nia movado en Germanlando. La opinion pri nia lingvo en la libro « Mein Kampf » ni ne diskutas ; estas subjektiva juĝo.

Multe pli grava estas la prijuĝo de nia movado kaj ideo en miliona broŝuro « Senmaskigita Framasoneco ». Ni citu tiun-ĉi elverŝon de maltrankvila animo :

« *Tiel estras la sekreta juda registaro hodiaŭ la duan Internacion, kun ĝia sidejo en Bruselo, la trian Internacion kun sidejo en Moskvo, la Universalan Esperanto-Asocion, la Pan-Eŭropa-Movadon, gvidatan de la bastardo Grafo Nikolao Coudenhove-Kalergi laŭ komisio de la judaro, la Ligon de Nacioj kun ĝia sidejo en Genevo kaj ĉiujn grandajn trustojn kaj kartelojn, speciale la armad-industrion kaj ne laste la tutmondan ligon de la framasonoj* ».

Se tiaj ridindaĵoj disvastiĝus nur interne de Germanlando ni nenion dirus. Sed la giganta propagando germana en ĉiuj landoj, la konstanta inundo papera de l' tuta mondo per tiaj pamfletoj ne povas nin lasi « neŭtralaj ».

Paralele kun la provo subminadi landojn liberecajn iras la nuligo de nia movado. Esperanto kiel lingvo kaj movado estas intime ligataj al minimumo da individua libereco, ne diskutante formon de regado.

Kaj nia esperantista devo paralelas kun tiu de civitano de lando sin defendanta kontraŭ agado de « Gleichschaltung » spirita, kondukanta eble al politika aligo. Kaj estas nia devo de homarano, ne forgesi la viktimojn de tiu ĉi malhoma « nova sento ».

Tion farante ni agas en la kadro de la praviĝita defendo de propraj interesoj.

Konkludo : Resti indiferenta, do neŭtrala laŭ malnova kompreno, estus perfidigo de niaj idealoj. Esperanto staras kaj sukcesas nur kun reĝimo respektanta liberecon individuan.

Apartenas ank[illegible] al nia epoko rapide forgesi bonajn agojn. Kiam malaperis Aŭstrio kiel sendependa ŝtato, neniu kuraĝis esprimi k i o n ni perdis... Aŭstrio estis por nia movado regno multpromesa. Ĝia registaro subtenis nian penadon. Ĉu ni tion tute simple forgesu ?

Kaj Ĉeĥoslovakio apartenis al tiuj landoj, kie Esperanto fariĝis popola movado. La registaro subtenis nian movadon. D-ro Beneŝ kiel ministro estis unu el la unuaj ŝtatistoj, kiuj en la Ligo de Nacioj, klopodis favore al Esperanto.

Ĉeĥoslovakio fariĝis viktimo kaj kun ĝi, eble nia movado en tiu ĉi lando ankaŭ. Fine, oni ja ne forgesu, ke Ĉeĥoslovakio c e d i s por eviti ion pli teruran. Hodiaŭ tio ŝajne jam estas forgesita.

### Ĝeneralaj konsideroj

Simpatiante kun sorto de popolo kaj de amikoj en regno, kiu laŭ konstitucio kaj multaj aspektoj kapablis egaligi maljustaĵojn, tio ne volas diri, ke ni fermis la okulojn al faritaj eraroj. Ni mem defendis en pasintaj jaroj la rajton de sudetgermanoj kaj hungaroj en UEA, pri la uzo de iliaj lingvoj en la loknomoj. Ni aldonu, ke klarvidaj ĉeĥoj subtenis nin morale en tiu ĉi arda batalo pri loknomoj kaŭzinta multan enuon al la redaktinto de la jarlibro, kiel ankaŭ sennutilan perdon de tempo kaj mono.

La distranĉo de Ĉeĥoslovakio neniel rebonigas faritajn erarojn en 1919.

La diktaton de 1919 anstataŭis la « diktato » de 1938. En si mem nenio ŝanĝiĝis en la metodoj.

La nacieca principo, kies ĉampiono estis Napoleono III-a detruis la ekonomian tutaĵon de Aŭstrio-Hungarlando. Ĝi detruis, dank' al premo eksterordinara, la koncepton de Ĉeĥoslovaka Ŝtato. Kiom ajn eraris la ĉeĥoslovakaj politikistoj kaj ŝtatistoj, oni neniam forgesu, ke iliaj popoloj formis en pasinto malplimulton premegitan. Kaj la okazinta cedo estis sekvo de premo ankoraŭ multe pli forta : proporcio 12 kontraŭ 1.

Se temus nur pri la centprocenta apliko de la principo nacieca kaj ĝia superfortigo per la « Blubo » [1] doktrino, oni ja fermus la okulojn. Sed temas pri io alia. Per la detruo de l'ĉeĥoslovaka ŝtato, oni forigis la ekvilibron de Eŭropo kaj oni malfermis la vojon al oriento al la ekspansio germana. Bone. Ĉiu popolo rajtas vivi kaj estas certe, ke la organiza kapablo germana, la povo absorbi senlime agrikulturajn produktaĵojn interŝanĝe kontraŭ industriaj, vivigos la ekonomion de la oriento kaj de l'Balkano.

Tiu ĉi ekonomia ekspansio estas pravigebla. Sed ĝin puŝas la doktrino de la rasa kaj nacia supereco brue propagandata. La landoj kun germanaj minoritatoj urĝas sin aranĝi laŭ plej bona maniero. Iam ekzistis tiel nomita protekto de la minoritatoj. Hodiaŭ oni devus pensi kiamaniere protekti certajn regnojn kontraŭ certaj iliaj minoritatoj.

### For la iluzion

For la iluzion ke la akordo en München savis la pacon. For la iluzion, ke ia « Modus vivendi » estos ebla por pli longa tempo inter du mondperceptoj sin kontraŭantaj kiel fajro kaj akvo. For la iluzion ke per « neŭtraleco » nia ideo trovu gracon en totalecaj ŝtatoj.

Ni vidu la realon. Kaj ni revivigu inter la Esperantistaro la spiriton kiu gvidis D-ron Zamenhof kaj la pionirojn. Dank'al ili Esperanto fariĝis lingvo, ne por nura plibonigo de la komercaj rilatoj, sed unuavice por helpi al pli bona kompreno interpopola. Spite ĉiuj malhelpoj, nia ideo tamen venkos.

H. J.

[1] B l u b o = Blut und Boden, t.e. Sango kaj tero : mistika difino de la rilato inter la tero aŭ grundo kaj la raso aŭ popolo kiu ĝin posedas, prilaboras kaj el kiu ĝi ĉerpas sian propecan forton.

## Universala Esperanto-Asocio

### Oficiala informilo 1938-9

**Elekto de la Komitato**

La Provizora Komitato de UEA, en sia lasta kunveno en Genève 23/24 Oktobro, ekzamenis la proponojn pri kandidatoj al la nova komitato de UEA.

Pro la ŝanĝitaj cirkonstancoj, la nombro de unu komitatano po kvincent aktivaj anoj estas ŝanĝita. La proporcio de komitatano estas fiksita de u n u po cent **membroj**.

Estas elektataj de la Delegitoj de UEA 12 komitatanoj. Jen la listo :

| Lando au grupo de landoj | Kandidato |
|---|---|
| Anglujo, Skotlando Irlando : | *S-ro A. W. Thomson (Avoto).* |
| Belgujo : | *S-ro Renaud Richez.* |
| Bulgarujo : | *S-ro Atanas D Atanasov (Agro).* |
| Ĉeĥoslovakio : | *S-ro O. Sklenĉka.* |
| Estonio, Latvio, Litovio : | *F-ino Helmi Dresen.* |
| Francujo : | *S-ro Daniel Chagnoux.* |
| Jugoslavio : | *S-ro Rad. P. Klajiĉ.* |
| Nederlando : | *S-ro J. Baart de la Faille.* |
| Polujo : | *S-ro D-ro A. Czubrynski.* |
| Skandinavaj landoj : | *S-ro Vilho Setälä.* |
| Svislando : | *S-ro K. M. Liniger.* |
| Usono--Ameriko : | *S-ro Joseph Dubin.* |

**Oficiala Bulteno 32**

Komence de Decembro eliras la O.B. 32 kun informoj pri la nova jaro, la agado de UEA, kaj ĉefe pri la e l e k t o de la komitato.

Ni petas la Delegitojn, ke ili bonvolu resendi plej rapide la respondilon por la nova Jarlibro kiel ankaŭ la voĉdonilon.

La O.B. estas sendata al 400 Delegitoj, (sen Aŭstrio kaj la sudetgermanaj regionoj).

**Esperantista interhelpo**

La laboro pri tiu ĉi servo kreskas de tago al tago kaj estas verŝajne, ke pro la novaj leĝoj pri nedezirindaj ŝtatanoj en certaj landoj, nia servo ricevos pliajn petojn pri interveno. Ni altiras vian atenton al la speciala rubriko pri tiu ĉi agado sur la aldona folio de tiu ĉi numero.

Centra Oficejo de UEA.

Genève, 30 Nov. 1938.

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Instalaĵoj

**permesantaj krei en koncernaj urbaj institutoj kuracajn kondiĉojn, similigitajn al la kondiĉoj en la montaj altaĵoj.**

## De Ignaco Mościcki

**Referaĵo, prelegita dum konferenco, okazinta en la Reĝa Kastelo en Varsovio la 26-an de Januaro 1934. La konferencon partoprenis, laŭ invito de la Prezidanto de l'Pola Respubliko, reprezentantoj de l'medicina kaj fizika sciencoj**

**Kun permeso de l'aŭtoro tradukis Edvardo Wiesenfeld, L. K.**

(Fino)

Sur la tabulo 2-a ni vidas la kurbojn de l'temperaturoj (*tk*) de l'aero, eliranta el la malvarmigilo-kondensilo en dependeco de l'procento de relativa malsekeco kaj de l'aer-temperaturo (*ta*) eniranta en la ĉambron. Do ekzemple dezirante havi en la ĉambro 40 %-an rel. malsekecon ĉe ĉirkaŭ 15 ½° C, la aer-temperaturo, eliranta el la malvarmigilo-kondensilo (*tk*) devas havi 1° C. Nature, se ni iras kun la relativa malsekeco pli alten, ankaŭ la eliranta el la kolono aer-temperaturo estas iom pli alta.

Tabulo 2-a.




(*Kopiis E.W.*)

*tk* en dependeco de la % de la rel. malsekeco kaj *ta*.

Nun mi transiras al la dua parto de l'instalaĵo, kaj nome al la lumigado de l'en la ĉambron eniranta aero per kvarca lampo. La lumigado, montrita sur la ilustraĵo 3-a estas, kiel ni vidas, alispeca ol tiu ĝis nun aplikata en la medicino. La radioj de l'kvarca lampo, ĉirkaŭŝirmata per spegula reflektilo, respeguliĝas kaj dispersiĝas sur la malglata surfaco de ekrano. Tiu ĉi ekrano estas farita el latuna lado, kies surfaco estas konvene prilaborita, malglata kaj poste elektrolize ĥromumita. Tiu ĉi metalo bone taŭgas por tiu celo kaŭze de : granda emo reflektadi,




**Ilustraĵo 3**

**Skemo de instalaĵo por lumigado per kvarca lampo**

*Kopiis E.W.*

precipe la mallongajn radiojn, forta malmoleco, pasiveco en la ĥemia senco kaj sekve longtempa daŭreco.

La malutilaj superfluaj kvantoj da ozono formiĝanta dum la lampo-brulo estas forigataj helpe de ventolilo tra konforma tubkanalo.

Preparo de tiatipa ekrano postulis antaŭajn mezuradojn, dum kiuj oni profitis de l'instalaĵoj en la laboratorio de l'Rektoro Pienkowski, pro kio mi lin ĉi loke tutkore dankas.

Sur la ilustraĵo 4-a ni vidas fotografaĵojn de l'spektro de l'lumo de hidrarga lampo, t.n. « Solarca », reflektigata kaj dispersigata de diversaj metalaj surfacoj. Tiel do :




**Ilustraĵo 4**

Spektro de lumo reflektigata kaj dispersigata de diversaj metaloj

1) malglata latuna lado ĥromumita donas spektron kun granda atingo-kapableco en la direkton de mallongaj ultra-violaj radioj, nome ĝis 2.537 Å, sekve sufiĉe malproksime de l'limo de videbla spektro t.e. ĉirkaŭ 3.900 Å.

2) malglata latuna lado ĥromumita, tramanĝita de acido kaj lasivo, donas atingo-kapablecon malpli grandan. Okazas tie ĉi pli forta absorbo ;

3) malglata latuna lado nikelumita donas efektojn malpli bonajn ol la ĥromumita ;

4) malglata latuna lado donas efektojn ankoraŭ pli malbonajn ol tiu lasta ;

5) malglata lado aluminia ne estas malbona, tamen — ĉar tiu metalo estas ĥemie tro aktiva, kio kaŭzas sub la influo de atmosferaj faktoroj rapidan oksidiĝon de ĝia surfaco kaj poste aliajn ecojn reflektajn, kaj ĉar tiu metalo estas ne sufiĉe malmola — ĝi por tiaspeca surfaco ne taŭgas ;

6) glata latuna lado ĥromumita kaj polurita donas plej grandan atingo-kapablecon, kiel ankaŭ plej altan reflekt-procentecon. Ĝi tamen ne povas esti akceptata en konsideron pro sia speguleca karaktero, tie ĉi ja temas pri atingo de lumo dispersigita.

Post la diskuto, dum kiu mi petos pri plej vasta eldirado de siaj opinioj, mi montros al la ĉeestantoj la priskribitan aparataron en originala stato.

### Resumo

Baziĝante sur kuracistaj spertoj kaj sur propra observado pri la utila influo de l'montara klimato je la sano, la aŭtoro analizas la atmosferajn kondiĉojn renkontatajn en la montaroj kaj konstatas ke koincidas tie la jenaj faktoroj :

1) speciala pureco de l'aero ;

2) granda kvanto da ultra-violaj radioj kaj pli granda aer-jonigo ;

3) enesto de tre malgrandaj kvantoj da ozono ;

4) pli malgrandigita atmosfer-premo.

Al tiu lasta faktoro la aŭtoro ne atribuas pli grandan signifon por la sano. Koncerne la ceterajn faktorojn la aŭtoro eksperimentadis multajn provojn kaj observojn, aplikante purigon de l'aero alkondukata al la loĝejoj. Tiucele li uzadis originale elpensitan aparataron, kiu permesas alkonduki en ventolatan ĉambron ĉirkaŭ 500 m³ da purigita aero dum horo helpe de sistemo de filtriloj kontraŭ malmolaj kaj gasaj malpuraĵoj. Tiamaniere la purigita aero, postkiam oni ĝin estas alkondukinta ĝis plej dezirataj temperaturo kaj malsekeco, estas subigata al surlumigo per hidrarga lampo, kiu pere de spegula reflektilo ĵetas la lumon sur ekranon el latuna lado kun pizumita surfaco kovrita per ĥroma tavolo. Pro tiu kaŭzo la lampaj radioj dispersiĝas kaj funkcias egalmaniere, ne elvokante la malagrablan por la okuloj brilon, nek brulumojn de la haŭto. Ĥroma ekrano evidentiĝis plej konvena, ĉar ĝi absorbas ultraviolajn radiojn relative malaltgrade kaj ankaŭ distingiĝas per granda pasiveco en ĥemia senco. La aero tiamaniere surlumigita estas sufiĉe jonigita kaj, per konvena elektroŝargo de l'ekrano, estas eble ricevi superpezon de pozitivaj aŭ negativaj jonoj. La enesto de ozono en la montara aero ne havas, laŭ la aŭtoro, signifon. Minimumaj kvantoj da ozono ne povas havi desinfektan signifon, kaj pli grandaj kvantoj influis malutile la memkonscion kaj san-staton. Krom tio, dum la elektraj malŝargoj formiĝas apude de l'ozono ankaŭ malutilaj por la sano nitrosiloj (nitraj oksidaĵoj). Tial la aŭtoro decidis forigi la formiĝantan ozonon el la proksimeco de l'hidrarga lampo pere de speciala enspirilo (exhaustor).

La tiamaniere purigita kaj surlumigita aero posedas ĉiujn kvalitojn de freŝeco kaj pureco de montara aero, influas refreŝige kaj ebligas krei klimatajn altmontarajn kondiĉojn por kuracaj kaj ripozaj celoj en la grandaj urboj kaj malaltaĵoj.

## Bibliografia Servo

*** Esperantista Kalendaro 1938 Eld.: Esperanto-Asocio de Estonio (Postkast 6, Tallinn). 24 paĝoj. Formato 13 × 9 cm. Prezo ne indikita. (1938-16).

*F. V. Dorno:* La Aventuroj de L. R. M, Stultulof la Xa. Eld.: la aŭtoro. Generala Deponejo: O.E.L, (Battelschesteenweg 303. Mechelen, Belgujo). 64 paĝoj. Formato 19 × 15 cm. Prezo ne indikita. (1938-17).

*K. Wlostowski kaj W. Dobrowolski:* Surdmutuloj pri si mem..., trad. Süsskind Schönberg Eld.: la tradukinto. Presejo « Afiszowa » (M. Spiegelstein, Warszawa, Polujo). 48 paĝoj. Formato 17 × 12 cm. Prezo : Zl. pol. 1. — aŭ du internaciaj respond-kuponoj (1938-18)

*** Jarlibro de la Internacia Esperanto-Ligo 1938. Eld.: IEL (Heronsgate, Rickmansworth, Anglujo). 350 paĝoj. Formato 16 × 11,5 cm. — Nur por membroj de IEL. — (1938-19).

*** Jarlibro de la Esperanto-Movado 1938. Eld.: UEA. (Palais Wilson, Genève, Svislando) 255 paĝoj. Formato 16 × 11,5 cm. Vendoprezo Frk. sv. 5.—, senpage por membroj de UEA (1938-20)

*** Libervola Civila Helpservo Internacia. Eld. : Sekretariejo de L.C.H.I. (Klaraweg 6, Bern, Svislando). 16 paĝoj. Formato 21 × 14,5 cm. Prezo : ne indikita. (1938-21).

*** 1937/38 BES-a Adresaro (13-a eld.). Eld. : Berger'a Esperanto-Servo (BES) (Potŝtejn, Ĉeĥoslovakio). 48 paĝoj. Formato 14,5 × 11,5 cm. Prezo : Kč. 8.— (1938-22).

D-ro *Vallienne :* Ĉu li ?, reviziis Kol. Kalocsay. Eld. : Literatura Mondo (Soroksári-útca 38-40, Budapest-IX, Hungarujo). 195 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo : ne indikita. (1938-23).

*K. Kalocsay — G. Waringhien :* Plena Gramatiko de Esperanto (dua tralaborita eld.). Eld. : Literatura Mondo (Soroksári-útca 38-40. Budapest-IX, Hungarujo). 490 paĝoj. Formato 20 × 13,5 cm. Prezo en USA-Dol. : Broŝ. 2,60 — Bind. 2,95 + 10% sendkosto. (1938-24).

*J. F. Horrabin :* Skizo de Ekonomia Geografio. trad. B. Ross. Eld. : Sennacieca Asocio Tutmonda (67 av. Gambetta, Paris-20. Francujo). 134 paĝoj. Formato 20 × 14 cm. Prezo : Frk. fr. 20. — (1938-25).

*Petro Kropotkin :* Al la Junuloj kaj Biografio. Eld. : Sennacieca Asocio Tutmonda (67 av. Gambetta, Paris-20, Francujo). 54 paĝoj. Formato 18 × 12 cm. Prezo : Frk. fr. 6.— (1938-26).

*Petro Danov :* La Majstro Parolas. Eld. : « Frateco » (Sevlievo, Bulgario). 153 paĝoj. Formato 17,5 × 13 cm. Prezo : ne indikita. (1938-27).

*P. Lapienė* (tradukinto kaj kolektinto) : El Litova Poezio. Eld. : Litova Esperanto-Asocio (Žemaičiu g-ve 15, Kaunas, Litovio). 198 paĝoj. Formato 19 × 12,5 cm. Prezo : Lt. 3.— (1938-28).

*Knut Hamsun :* Victoria, trad. Olav Rygg. Eld. : Norvega Esperantista Ligo (Oslo. Norvegujo). 100 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo : N.Kr. 2.— (1938-29).

*B. Giedra :* Violetoj (versaro). Eld. : Litova Esperanto-Asocio (Žemaičiu g-ve 15, Kaunas, Litovio). 64 paĝoj. Formato 16 × 10,5 cm. Prezo : Lt. 1,15 aŭ USA-Dol 25.— aŭ egalvaloro. (1938-30).

*J. B. Gresset :* Ver-Vert (poemo en kvar kantoj), trad. Célestin Rousseau, L.K. Eld. : Esperantista Centra Librejo (11 rue de Sèvres, Paris-6, Francujo). 32 paĝoj. Formato 21 × 13,5 cm. Prezo : Frk. fr. 4.— (1938-31).

# Universala Esperanto - Asocio

## ĉe la sojlo de nova jaro

Je la 31-a de Oktobro 1938 UEA finis sian 30 jaran ekzistadon. Kaj baldaŭ finiĝos la jaro 1938, kiu apartenas al la « nigraj » paĝoj en la homara historio.

Peze premas la tutan mondon la nuna situacio malcerta. Neeble ŝajnas trovi eliron. Profetoj ĉiaspecaj ekstaras, kiuj, profetante jen pereon de l'mondo, jen rozkoloran estonton. Ambaŭ estas iel danĝeraj : la ĝusta sinteno estas konsciiĝi pri la ekzistantaj moralaj fortoj en la homoj, fortoj kiuj bezonas ankaŭ pruviĝi en momento de danĝero.

Ni vidas hodiaŭ nur la malbonon. Kaj ne konsciiĝas pri la b o n o kiu kvazaŭ ekstaras apud ĝia misfrato. Ni vidas maljustaĵojn, ni vidas la persekutitojn, ni vidas la frenezan kuron al la abismo pro la senhalta sinarmigado. Sed vekiĝas la fortoj moralaj. Ĉie, post ioma inerteco leviĝas la helpemo, s e n ordono de ĉefoj, spontanee kaj kore. Kaj formiĝas la kontraŭstaro al decido per armiloj, precize en landoj kun dinamika regformo.

La homara solidareco revenas. Komence timeme, sed nun pli forte kaj pli decide. Ĉie en la mondo la nevidebla armeo de bonvoluloj kolektiĝas preta por la nobla batalo.

Ĉi tiujn signojn de l'tempo ni vidu kaj ni ĉerpu el ili la nepran konvinkon, ke fine

**venkos la spirito**

kaj ne la kanonoj ! Kaj eĉ se la homaro denove interbatalus : la fina parolo, super ruinoj, apartenos tamen al la spirito de bonvolo kaj ne al la perforto.

En tiu ĉi giganta spektaklo kiu filmosimile preterpasas nin, nia movado suferas videble. Unuflanke la totaleca doktrino « Unu regno, unu popolo, unu lingvo » malŝatas ideon, kiu proklamas respekton al la aliaj. La dua danĝero estas inter ni mem. Estas la manko de klara kompreno pri celo de nia klopodo, la inerteco kaj la suprajeco, ecoj ja troveblaj ĉie, sed tre videblaj inter ni.

Resume : Nia movado respegulas la tempon en kiu ni vivas. Sed same kiel la cetera mondo retrovos sian ekvilibron, ankaŭ moviĝos iun tagon, la nekonataj fortoj en la vicoj esperantistaj. Kaj tiam ree ekfloros nia arbo kaj portos siajn fruktojn, pli belajn ol ĝis nun.

### UEA en la torento

Spite profetaĵoj malbonvolaj, U E A trairis la tridekan jaron de sia ekzisto, la duan post la disiĝo en 1936. Decide kaj trankvile, ĝi iris sian vojon. Al la bruemaj eldirajoj de l' alia flanko de nia movado, ni metis la silentan laboradon por i d e a l o.

Estas vero, ke ne sekvas nin plu miloj. Sed la kelkcentoj kiuj sekvas la flagon de UEA, scias pro kio. Kaj laŭ komerca vidpunkto, la malplimulto de membroj signifas malpli grandan perdon financan. En 1938 ni povis fini kun normala perdo, egaligita per flankaj gajnoj kaj bonvola helpo. La kostoj senteble falis ĝis nivelo neniam esperita. Kaj tio ne influis la liveradon de la laŭstatute promesitaj (sekve ŝuldataj) objektoj. Aperis regule la gazeto, aperis denove inda Jarlibro kun enhavo valora.

Kaj spite la modestaj rimedoj, UEA kreis novan servon, ne por « fari monon », sed por helpi al viktimoj de la nuna maljusteco. Je centoj sumiĝas la konsiloj, informoj kaj intervenoj por mildigi la sorton de senhejmuloj.

Ni eniras la 31an administran jaron de la Asocio. Nia agadplano estas simpla : *Daŭrigi kaj kunteni.* Daŭrigi la ordinarajn laborojn, adaptante ilin al la ŝanĝanta tempo. Eldoni la gazeton, eldoni la jarlibron kun riĉa enhavo, plenumi la devon laŭstatutan. Sur la kampo internacia, ni proponis solvon de dualismo inter la esp. organizaĵoj. Ni deklaris nin pretaj kunlabori. Al la utopia *UNUECO* organiza, ni kontraŭmetas la *UNUECON* idean, pli necesan kaj pli laŭtempan.

Krom ĉi tiuj laboroj kvazaŭ tradiciaj, ni daŭrigas subteni laŭpove la samideanojn suferantajn. Ĝuste nun alvenas ĉiutage petegoj, krioj, kiuj disŝiras la koron.

Se vi deziras ke venku inter ni la spirito de bonvolo, la spirito de D-ro Zamenhof, tiam subtenu vian organizaĵon, la malnovan UEA, la bataltrupon neproklamitan de la « Interna ideo ». Realiĝu al UEA, varbu por ĝi, por ke plifortiĝu la verda armeo de la paca batalantoj.

*Provizora komitato de UEA.*

### Praktikaj informoj por aliĝi

Uzu aliĝformulon kaj pagu vian kotizon al la Delegito de via loko. Se tia ne estas, aŭ se estas alia malhelpo, t i a m pagu al la ĉefdelegito.

En landoj kie ne funkcias dumtempe la teritoria organizo, oni povas pagi al la poŝtĉekkonto de la Centra Oficejo de UEA (Vidu la liston ĉi tie).

En Rumanujo oni baldaŭ povos pagi al poŝtĉekkonto de UEA nun malfermata. La membrojn en Rumanujo ni informas rekte.

Internaciajn respondkuponojn ni akceptas por ĝia interŝanĝa valoro t.e. 0.30 Fr. sv.

Dum nuna monato eliros cirkulero al ĉiuj nunaj membroj de UEA.

### Ĉefdelegitoj, perantoj, pagejoj de UEA

| | |
|---|---|
| **Argentino** | Esperanto-Centro Argentina, Strato Gallo 1106, Buenos-Aires. |
| **Aŭstralio** | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Belgujo** | Poŝtĉekkonto : 1842.00 Bruxelles. |
| **Brazilo** | Rekte al C.O. de UEA (Poŝtmarkoj neuzitaj kun Esperanto teksto akceptataj). |
| **Britlando** | ĈD. Albert E. Hepton, Grafton Street 89.1. **Hull.** |
| **Bulgarujo** | Per Rad. K. Trièkov, ul. Knjajevska 76, **Vratza.** |
| **Ĉeĥoslovakio** | ĈD. Frant. Slavik, Teritoria Oficejo de UEA, Praha-47. — Poŝtĉeko UEA 79.236 Praha. |
| **Ĉinujo** | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Danlando** | ĈD. : A. P. Dueholm, Bryggewangen 4, St. th. **København-O.** |
| **Egipto** | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Estonio** | ĈD. F-ino Helmi Dresen, Postkast 6. **Tallinn.** |
| **Finnlando** | ĈD. O. Laukkanen, Kluuvikatu, 5, **Helsinki.** |
| **Francujo** | ĈD. D. Chagnoux, 10, rue Rosa-Bonheur, **Yzeure** (Allier). Poŝtĉekkonto : Clermont-Ferrand 99.86. |
| **Greklando** | ĈD. Stavro Patsouris, 29, Odos Tsamadou, **Athènes.** |
| **Germanujo** | Jara abono 6.—, ½ jara 3 Gmk. |
| **Hungarujo** | Per. : Literatura Mondo Soroksári 38, **Budapest IX.** Poŝtĉekkonto : Bleier-Vilmos 25-168 Budapest. |
| **Italujo** | ĈD. S-ro. Corrado Cerri, **Ramazzano** (Perugia) Poŝtĉekkonto : 5-742, Firenze. |
| **Japanujo** | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Jugoslavio** | ĈD. Radomir Klajić, Svetosavska 23, **Beograd,** aŭ per poŝtĉekkonto de UEA, Zagreb 40.759. |
| **Latvio** | ĈD. T. Indra, Kr. Barona iela 104. dz. 19, **Riga.** |
| **Litovio** | ĈD. A. Poška, Laisvés Aleja 36-13, **Kaunas.** |
| **Nederlando** | ĈD. : J. Telling, Schietbaanlaan 106, **Rotterdam.** Poŝtĉekkonto : 2426.19, Rotterdam. |
| **Norvegujo** | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Novzelando** | ĈD. L. E. Dust, 20 Chelsea Str. Miramar, **Wellington E-4.** |
| **Polujo** | ĈD. J. Ŝapiro, 33 ul. Marsz. Pilsudskiego. **Bialystok.** Poŝtĉekkonto : 60.047 Warszawa. |
| **Portugalo** | ĈD. Manuel de Freitas, Rua Monte da Lapa 49, 1.°, **Porto.** |
| **Rumanujo** | Pri pagmaniero ni informas la membrojn rekte. |
| **Svedujo** | UEA. Poŝtĉekkonto, Stockholm 3138. |
| **Svislando** | Rekte al C.O. de UEA. Poŝtĉeko : Genève I. 2310. |
| **Urugvajo** | Rekte al C.O. de UEA. |
| **Usono** | ĈD. J. Dubin, 646 Westview Street, **Philadelphia** (Penn.). |

## Esperantista Interhelpo

### — Servo de UEA —

Kun sento de teruro la civilizita mondo sciiĝis pri la novaj persekutoj kontraŭ la judoj. Pro ago de ekscitita junulo, estas kulpigata la tuta judaro. Samdirektita eksplodo « spontanea » de popolaĉo detruis valorojn de centoj da milionoj. Miloj kaj miloj da homoj estas pelataj en absolutan mizeron. Kaj rapide kreitaj leĝoj jure sankcias la forprenon de l'havaĵoj.

Krio de abomeno eliĝis de l' lipoj de milionoj. Kio ne okazis dum kaj post ĉiuj insultoj faritaj al homaro, tio nun efektiviĝis : unueca fronto kontraŭ tia hontindaĵo de l' 20-a jarcento. Kaj fine la landoj liberaj vekiĝas el inerteco por helpi al la viktimoj.

La belaj deklaroj en Evian dum la Inter-registara konferenco pasintan someron, restis tiaj. La procedado por ricevi enirpermeson precipe al Usono estas modelo de zorga tre zorga burokratismo.

Tiu, kiu okupiĝas pri tio, tiu kiu ricevas ĉiutage kortuŝajn emociigajn leterojn de homoj sen hejmo, sen mono, sen rajto, simple malesperas. Ĉiu bonintenca klopodo, ĉiu penado helpi al mizeruloj iĝas vana, senefika antaŭ la fera leĝo de paragrafoj, kaj la ĉion-mortiga premilo de l' rutino.

Kion postulas energie kaj decide la homaranoj en la civilizita mondo estas, ke oni finu kun la deklaroj, promesoj kaj burokrataj enuigaĵoj. Kaj ke oni rapidu antaŭ ol miloj da senkulpaj estaĵoj p e r e u.

Al tiu ĉi postulo ni senrezerve aliĝas kun arda deziro, ke realiĝu la ordono : Amu kaj helpu unu l' alian !

La Esperantista Interhelpo povis plenumi ŝatindajn servojn. Temas ĉefe pri konsiloj, esploroj kaj informoj. En venonta numero de la gazeto ESPERANTO ni rakontos en libera formo pri kelkaj tipaj kazoj. Kelktage la Centra Oficejo de UEA estas plena de homoj, venantaj por serĉi konsilon.

La petojn de esperantistoj, neplenumeblajn rekte ni publikigas. Ni petis la redakciojn de l'esp. gazetoj enpresi la petojn. Kelkaj bonvolis tion fari, sed la plimulto..... silentis !

Ni ree publikigas la liston de la helpo-petoj ne plenumeblaj de la C.O. — Kiu povus helpi, ne hezitu sed sin anoncu al ni.

Esperantista Interhelpo

Servo de UEA.

*Peto 1*

Aranĝita. Petinto povos enmigri transmaran landon.

*Peto 2*

Aranĝita intertempe.

*Peto 3*

Aranĝita. Povas veturi al transmara lando.

*Peto 4*

Vienanino, 33 jaraĝa, tajlorino tre sperta, laborinta por unuarangaj modmagazenoj en Vieno, kun bonegaj atestoj perdis oficon pro rasa kaŭzo. Serĉas rifuĝon en alia lando scias krom sian metion la mastrumadon, escepte pezajn laborojn. Ŝatas infanojn. Parolas flue Esperanto-n kaj scias iom la francan. Posedas regulajn paperojn kaj ricevas pasporton.

*Peto 5*

Ŝtatano germana, de juda deveno kun edzino ne-juda, serĉas rifuĝon kaj laboron en transmara lando. Preferas landon, kie li povas ankaŭ labori por la movado. Komercisto, 40 jara, tre bona propagandisto, vendisto, dum multaj jaroj reprezentanto de grandaj firmoj (branĉo por malmultekostaj ornamaĵoj), fakulo ankaŭ en malgrandledaj varoj. Disponas pri bonegaj atestoj estas sana kaj energia. Akceptas kion ajn, povas veturigi aŭtomobilon. La edzino scias krom la germana kaj Esperanto, ankaŭ perfekte la anglan.

*Peto 6*

Ŝtatano germana en Vieno, 53-jaraĝa kun edzino kaj 14 jara filino, devas trovi situacion en transmara lando. Serĉanto, malnova esperantisto, distingita per arĝenta medalo de veterano, estas eksperto pri librotenado, jure aprobita, parolas germanan kaj hungaran lingvojn, scias sufiĉe la anglan, francan, italan, estas preta akcepti kian ajn laboron. Politike sen riproĉo, disponas je regulaj paperoj.

*Peto 7*

Ŝtata oficisto (doktoro de juro), aŭstriano, 30 jara, edziĝinta, kristana konfesio, perdis la postenon, ĉar la patro estis judo. Serĉas iun ajn okupon. Posedas krom germana kaj Esperanto, la anglan, francan, ĉeĥan lingvojn. Ricevis brilan ateston pri sia ĝisnuna laboro. Politike nesuspektita.

*Peto 8*

Viena samideano devigata elmigri transmare serĉas oficon. Bankoficisto, 46 jaraĝa, plensana, fraŭlo, bonkaraktera. Sperta kaj diligenta laboranto en diversaj fakoj sen kaj kun klienta trafiko. Dum 28 jaroj oficisto en la plej granda aŭstria banko Oesterr. Creditanstalt — Wiener Bankverein. Bonega atesto. Posedas konojn pri laborado en kemia laboratorio. Akceptas kian ajn okupon. Scias anglan lingvon.

*Peto 9*

Juna ge-edza paro de Vieno petas enirpermeson kaj laboreblecon en kiu ajn lando. Edzo perfekte kuiras, gvidas aŭtomobilon kaj faras ĉiujn domlaborojn. Edzino estas virin-ĉapelistino kaj perfekta en ĉiuj mastrum-laboroj. Helpu. helpu. Skribu al S-ro Meyer, Porzellangasse 60-III, Wien IX.

*Peto 10*

Juna sana germana ŝtatano, ĝardenisto laborkapabla serĉas eblecon enmigri eŭropan aŭ transmaran landon. Devas forlasi Germanujon pro mal-arieco. Detaloj per la Esperantista Interhelpo.

*Peto 11*

Senŝtatano, pol-juda, en Vieno, jurnalisto 38 aĝa, jura doktoro, devas forlasi Germanujon je la fino de la jaro. Petegas je helpo por eniri — eĉ nur provizore — en alian landon. Laboris dum 22 jaroj por Esperanto. Detalojn per la Esperantista Interhelpo, UEA, Palais Wilson, Genève.

# Universala Esperanto-Asocio
## La premiaro dum 1939

1) **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 31 Marto 1939 (por la jaro 1939).

2) **Premion** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum daŭro de l'administra jaro (de l'1-a Nov. 1938 ĝis 31 Oktobro 1939)

3) **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio, dum la kuranta administra jaro.

4) **Premion de Subtenanto** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon. Subtenanto frupaginta rajtas plie la premion de frupago el listo de MA.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

## Membro kun Jarlibro (MJ)

(kiu ricevas, krom la membrokarton, la jarlibron, sed ne la gazeton) rajtas elekti premion, unu numeron, el la sekvanta listo kiel :

*Frupaganto* de l'kotizo ĝis fino de Marto 1939 (ĝisnuna ano kiu realiĝas por 1939).

*Nova Aliĝanto* dum la tuta jaro administra, de Novembro 1938 ĝis Oktobro 1939 (se li ĝis nun ne ankoraŭ estis membro).

*Varbinto* de nova ano MJ. — Membro kaj ne-membro kiu varbas novan Membron (MJ) por la jaro 1939.

**1.** *F. Karinthy:* **Vojaĝo en Faremidon** kaj **Du Ŝipoj.** Noveloj de la fama hungara verkisto-esperantisto. Tradukis L. Totsche. 84 p., 12 × 18 cm.

**2.** *Peider Lansel:* **La Retoromanĉoj.** Etnografia-lingva studo. Tradukis Georgo Agricola. 20 p., 16 × 24 cm.
*Prof. Nothnagel:* **La Mortado.** Prelego profundsenta kaj konsoliga. Tradukis. B. Selzer. 26 p., 16 × 24 cm.
(Du sciencaj broŝuroj de daŭra valoro.)

**3.** *K. Brüggemann:* **El la mitologio de antikvaj popoloj.** 80 p., 10 × 15 cm. — *D-ro Rustem, Vambéry:* **Kriminologio.** Tradukis D-ro V. Toth. 90 p., 10 × 15 cm.

**4.** *Dreves Uitterdijk, L.K.:* **Miraklaj aventuroj de Sinjoro Longkrurulo.** Rime verkita. Kun 152 bildoj kaj 162 strofoj 75 p., 17,5 × 25 cm.

**5.** *E. Drezen:* **Analiza historio de Esperanto-Movado.** Priskribo tendenca laŭ historia materialismo : multaj faktoj forgesitaj 22 × 14 cm., 94 p. Kun bildoj.

**6.** *Julio Baghy:* **Viktimoj.** La vivo de militkaptitoj en glacia Siberio dum la mondmilito. Jam tro bone konata verko por esti komentariita. 18 × 13 cm., 240 paĝoj.

**7.** *Hillar, S.:* **Enkonduko en la pedagogion.** Historia skizo. 8 × 11,5 cm., 20 paĝoj.
*Ad. Ferrière:* **Estonta Eduko.** 72 p., 18 × 12 cm.

**8.** *S. Grenkamp:* **Ĉu vi aŭdis tion ?** Kolekto de kelkcento da ŝercoj, spritajoj, bonhumoraj eldiroj, bone tradukitaj. 20 × 14,5 cm., 48 p., bele presita plaĉa kovrilo.

**9.** **Norda Literaturo.** Kolekto de literaturaj verkoj et Norda Eŭropo. Vol. I-II, kune 164 p., da bona teksto.

**10.** **D-ro L. L. Zamenhof,** 1859-1917. Kreinto de Esperanto. — Fotorepreduktajo. Grando de la bildo, 12 × 16 cm., gluita sur bela verda kartono marmora, grando 22 × 33 cm. Bela ornamo.

**11.** *Kas. Smogorzewski:* **Pol-Pomeranio.** Tradukis. S. Grenkamp. Kun 22 kartoj entekste kaj 4 plurkoloraj ekstertekste. 132 p., 25 × 16 cm.

**12.** *Otto Ginz:* **Radio-Vortaro Kvinlingva.** Angla Ĉeha, Esperanta, Franca, Germana. 11 × 15 cm 218 paĝoj.

**13.** *O. Erdberg:* **Ĉinaj noveloj.** 72 p., 12 × 15 cm.
*E. Drezen:* **Zamenhof.** Priskribo de la vivo de Esperanto kun multaj detaloj nekonitaj. 48 p., 12 × 18 cm.

**14.** *Novikov-Priboj:* **La submarinistoj.** Novelo realisma pri la vivo de l' ŝipanoj dum milito. 114 p., 12 × 16 cm.
*V. Majakovskij:* **Per voĉo plena.** Poemoj. 72 p., 12 × 16 cm.

**15** .•. **Internacia Teatrajetaro** (diverslandaj aŭtoroj) kaj *A. Kenngott:* **Ilustritaj rakontetoj.** Kune 96 p., 12 × 16 cm.

**16.** *E. Drezen:* **Skizoj pri teorio de Esperanto.** — Paralela teksto rus-esperanta. 84 p., 16 × 24 cm.

**17.** *Goldoni Carlo:* **Kurioza okazaĵo.** Triakta komedio, El itala lingvo tradukis Mevo. Kun ilustrajoj. 19 × 12,5 cm., 62 paĝoj.
*Franjo Modrijan:* **Elementoj latinaj en Esperanto.** 46 p., 13,5 × 18,5 cm.

**18.** **Vrede door Religie.** Paco per religio, kolekto de legindaj prelegoj, parte holande, parte en Esperanto, faritaj dum Packonferenco 1928 en Hago. 160 p., 14 × 20 cm.

**19.** *Artur Domènech:* **Poemoj.** (1877-1936) eldonitaj de Jaume Grau Casas. 36 p., 1,5 × 11 cm., belete presita.
*Jaume Grau Casas:* **Novaj amaj poemoj** kaj **La lasta poemo.**

**20.** *S. Grenkamp:* **Pola folkloro kaj popolkanto.** Kun antaŭparolo de Prof. Zaleski. 10 melodioj kaj 9 ilustrajoj ekstertekste. Eleganta libro, plaĉa 20 × 12 cm., 60 paĝoj.

## Membro-Abonanto (MA)

(kiu ricevas, krom la membrokarton, la jarlibron kaj la gazeton dum la tuta jaro) rajtas elekti premion el la sekvanta listo kiel :

*Frupaganto* de l'kotizo ĝis fino de Marto 1939 (ĝisnuna ano kiu realiĝas por 1939).

*Nova Aliĝanto* dum la tuta jaro administra, de Novembro 1938 ĝis Oktobro 1939 (se li ĝis nun ne ankoraŭ estis membro).

*Varbinto* de nova ano MA. — Membro kaj ne-membro kiu varbas novan MA= Membro-Abonanton por 1939.

**I.** *Bleier S. Cense:* **Ora libro de la Esperanto-Movado.** Jubilea Kongreso 1937. 15 × 23 cm. Riĉa kaj valora 222 p., kompilaĵo ; fonto de informoj. Enhavo : Historiaj artikoloj, biografioj pri pioniroj, profetaĵoj k.a. Ilustrita. (Vendprezo 5 Frankoj sv. ; belega premio.)

**II.** *V. Varankin:* **Metropoliteno.** Originala romano el la soveta vivo. 200 p., 14 × 21 cm.

**III.** *Benito Mussolini:* **La vivo de Arnaldo.** El itala tradukis K. Kalocsay. 106 p., 12 × 18 cm.
Priskribo de l' vivo de la frato de l' itala diktatoro. Flua stilo vivoplena, analoga al la movplena enhavo.

**IV.** *K. R.:* **La Reĝo Judea.** Dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj. El rusa lingvo tradukis V. Devjatnin. 182 p., 12 × 18 cm. (K. R. pseŭdonomo de verkisto el cara familio Romanov.)

**V.** *Kolomano Kalocsay:* **Lingvo, Stilo, Formo.** Studoj. 142 p., 13,5 × 18,5 cm. Utila verko por ĉiu, kiu deziras penetri en la spiriton de nia lingvo.

**VI.** *A. Kenngott:* **Internacia Frazaro.** Ĉiutaga vivo. Internacia Dialogaro. Tri kajeroj, kune 160 p., 12 × 18 cm.

**VII.** *Ismael Gomez Braga:* **Veterano ?** Respondoj al la demandaro por la „ Festo de la Veteranoj " de l'Jubilea Kongreso de Esperanto. 124 p.

**VIII.** *P. Lapienė.* **El litova poezio.** 198 p., 12,5 × 18,5 cm. — Bela preso, arta kovrilo.

**IX.** *A. Slonimski:* **Mia vojaĝo en Sovetio.** Tradukis S. Grenkamp. 142 p., 13,5 × 19 cm.

**X.** *Fr. Schiller:* **Wilhelm Tell.** Kvinakta dramo, tradukita laŭ la versmetro de l'originalo, de L. E. Meier, pioniro unuatempa de Esperanto. 150 p., 12 × 18 cm.

## Premioj al Subtenantoj

Subtenanto por la jaro 1938 rajtas elekti *unu* premion el la sekvanta listo. (Unu litero = unu premio.)

**A.** *Kalocsay-Waringhien:* **Plena gramatiko de Esperanto.** Kun detala komentario pri vorto kaj frazo. Dua eldono. 488 p., 15 × 22 cm. — Monumenta verko.

**B.** *Herm. Haefker:* **Jarmiloj pasas.** Universala historio. Du volumoj. Kune 500 p., kun ses artaj reproduktaĵoj kaj 11 geografiaj skizoj.

**C.** Verkoj de *Fe Z.* Plena verkaro de *D-ro Felikso Zamenhof.* Kompilis Edv. Wiesenfeld, L. K. 271 p., 15 × 22 cm. Luksa eldono en bela bindaĵo. Kun aldonaĵo de „ Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto ", verkita por japanoj. Interesa verko por elmontro. (Belega premio.)

**D.** *H. W. van Loon:* **Rigardu la teron.** Tradukis G. Saville. — La plej sukcesa verko de l'lasta jaro. Post lego de tiu ĉi unika libro terpriskriba la rilato de l'homo al la tero, la historio al geografio estos ne plu demando. Multaj ilustraĵoj. 454 p., 15 × 24 cm.

**E.** **Esperanto ŝlosilaro.** Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto en 24 lingvoj, fiksitaj sur fortika kartono, dufoje faldita, kun agrafoj por pendigi ĉe muro. Belega objekto. interesa reklamilo kaj alloga ekspoziciaĵo.

**F.** **Antologioj. Bulgara, Ĉeĥoslovaka, Kataluna.** Kune 1.110 paĝoj da teksto. Tri volumoj — unu premio.

**G.** **Enciklopedio de Esperanto.** Bindita eldono. Ilustrita. Oni rajtas elekti *unu* volumon de tiu ĉi verko, 1 aŭ 2. Personoj kiuj deziras akiri tuj la duan sin turnu al la C. O. de UEA.
Tiu ĉi premio estas daŭrigota ankaŭ por estontaj jaroj, tiel ke elektante nunjare volumon 1 oni povas elekti la duan volumon en 1940 aliĝonte kiel MS.

**H.** Kolekto de kvin premioj de frupago el numeroj I-X. Laŭ libera elekto de l'Subtenanto.

**J.** Kolekto de ĉiuj premioj de frupago 1-20. 25 libroj kaj broŝuroj, kune pli ol 2000 tekstpaĝoj.

Okaze de elĉerpiĝo de unu aŭ alia verko, ni aldonas ion laŭ propra elekto.

## Preztabelo 1939

| Lando : | Mono : | MJ | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| **Argentino** | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| **Aŭstralio** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| **Belgujo** | Frk. b. | 16 | 40 | 175 |
| **Brazilo** | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| **Britlando** | Ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| **Bulgarujo** | Lev. | 50 | 125 | 350 |
| **Ĉeĥoslovakio** | Kĉ. | 20 | 50 | 125 |
| **Ĉinujo** | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| **Danlando** | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| **Egipto** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| **Estonio** | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| **Finnlando** | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| **Francujo** | Frk. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| **Germanujo** | Gmk. | Jara abono : 6 Gm. | | |
| **Greklando** | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| **Hispanujo** | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| **Hungarujo** | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| **Italujo** | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| **Japanujo** | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| **Jugoslavio** | Din. | 30 | 100 | 200 |
| **Latvio** | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| **Litovio** | Lid. | 6 | 15 | 40 |
| **Nederlando** | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| **Norvegujo** | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| **Novzelando** | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| **Polujo** | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| **Portugalo** | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| **Rumanujo** | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| **Svedlando** | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| **Svislando** | Frk. | 4 | 10 | 20 |
| **Urugvajo** | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| **Usono (Kanado)** | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

## Universala Esperanto-Asocio

**Palais Wilson** **GENÈVE** **(Svislando)**

**Aliĝilo** Mi deklaras mian aliĝon / re-aliĝon kiel :

Membro — Membro-Abonanto — Membro-Subtenanto — Dumviva Membro.

kaj pagas la kotizon de .......... per ĉeko-poŝtmandato-poŝtĉeko-kontante, al Ĉefdelegito.

MI ELEKTAS premion de frupago n-ro : ..................

Mi elektas premion de Subtenanto de la listo 1939 : ......

Mia nomo : ..................

Mia adreso : ..................

Dato : .................. Subskribo : ..................

Teksto de korespondado por Jarlibro 1939 : (Enpreso senpaga) ; laŭdezire unu fojon en la gazeto.

# Aŭtunaj poemoj
## de estonaj poetoj nuntempaj

### Oriĝinta betulo
*de Mart Raud.*

*La folioj falas*
*de l'betulo for,*
*flava kiel or'.*
*La folioj falas,*

*ŝute jen malŝparas,*
*lante, kun terur',*
*ĉiujn la betul'.*
*La folioj falas.*

*Ĝi plorante staras,*
*larme, kun dorlot'*
*por ornam' de l'kot'*
*ĉiujn ĝi malŝparas.*

* * *

### Estis dum vesper' aŭtuna...
*de August Sang*

*Estis dum vesper, aŭtuna,*
*iom frost-aera.*
*En folirubaĵo bruna*
*putris bel' somera.*

*Ie kiel ĉiutage*
*bru-fermiĝis pordo.*
*En krepuskan parkon vage*
*iris vagabondo.*

*Sur ĉiel' la lasta ruĝo*
*estingiĝis plene.*
*Restis nur la fora muĝo,*
*eksonanta ĝeme.*

### Aŭtuna kanto
*de Heiti Talvik.*

*Io pure kaj malvarme*
*por moment' tra boskoj spiris.*
*Dum maten' sur herbo svarme*
*prujn-fadenoj hele brilis.*

*Lastan kupron kun kvieta*
*mov' disŝutis jam acero.*
*Nur pomarbo frukt-graveda*
*spitas al la frost-danĝero.*

*Nur pomarb' en ruĝkoloro —*
*tiel Frosto-avo trovas*
*min en la ĝarden-izolo.*
*kien li eniri provas.*

* * *

### Malfrua helianto
*de Pedro Krusten*

*Super palisaro pendas la sanga kap'*
*de sorparbo, vipata de l'vento,*
*kontraŭ koto-abund' kaj vent-ekbat'*
*estas homo sur voj' sen defendo.*

*Jen finiĝis nun ies pilgrim' sur ter'.*
*veturilo kun ĉerk' preterpasas,*
*estas peste timiga aŭtun-ĉiel',*
*la vilaĝon la malsan' minacas.*

*Sub la nokta ĉielo aŭdiĝas nur*
*kri, de birdoj, fuĝantaj grand-*
*[kvante.*
*Sed ekfloras kaŝe en ĝarden-angul'*
*helianto, danĝeron spitante.*

### Kolera aŭtuno
*de Kersti Merilaas.*

*La vento foliojn*
*de l'arboj deŝiras,*
*foŝajoj mucidan*
*vaporon elspiras.*

*Jen sible ekmordas*
*la bordojn rivero.*
*kaj super ĝi fulge*
*nebulas aero.*

*Arbustoj kadukaj*
*surborde malhelas,*
*aceroj kolere*
*per flamoj fajreras.*

*La nubotavoloj*
*densiĝas senĉese,*
*la lumo trafalas*
*humide kaj peze.*

*Subite ĉirkaŭe*
*nur ombroj ekpendas ;*
*la manojn vi levas-*
*kaj krias kaj plendas.*

* * *

### Fermita rondo
*Paul Virding*

*Verdajn ĝermojn ekstermis are*
*sperto-prujno, tranĉanta ĝis ost'.*
*Iluzioj sub foliaro*
*profunde dormas en frost'.*

*Turmentita sklav' de l'humoro,*
*por ĉiam ĉenita de l'sent',*
*en aŭtuna kot' sen konsolo*
*vi paŝas, ĝis blovos vent'*

*neĝamasojn sur velkajn foliojn,*
*sur rub-montojn de l'disreviĝ'...*
*aŭ vin savos de l'mortagonio*
*ies man' por vivofeliĉ'.*

*El la estona : Hilda Dresen*

# Fragmentoj

La spiritstaton de la popolo en Ĉeĥoslovakio bone ilustras la jenaj fragmentoj, ideo-splitoj de K. Č. (Karel Čapek) la fama multlegata verkisto.

*Ne nomu tion malamo. Nomu tion ekkompreno.*

* * *

*Kontraktoj ekzistas por ke la malplifortaj plenumu ilin.*

* * *

*Dank'al tre granda penado de ŝtatviroj estas daŭrigata la monda necerteco.*

* * *

*....en intereso de la paco intervenis per ĉia energio kontraŭ la atakito.*

* * *

*Por la paco neniu fremda ofero estas sufiĉe granda.*

* * *

*Estas grandaj kaj malgrandaj potencoj. Estas ankaŭ grandaj kaj malgrandaj senpotencoj.*

* * *

*Lokalizi konflikton : lasi viktimon al ĝia sorto. Likvidi konflikton : faligi la viktimon.*

* * *

*Ĝi ne estas tiom malbona : oni ne vendis nin, oni donis nin senpage.*

* * *

*....Ni almenaŭ scias, kion ni perdis.*

* * *

*La mondo tamen progresas : anstataŭ perforto milita — perforto sen milito.*

* * *

*Malsukceso : ne uzi okazon. Sukceso : fiuzi okazon.*

* * *

*Malnova Testamento pravas : per simpla kriado iam fortifikaĵoj estis faligitaj. Sed per simpla kriado oni nenion kapablas konstrui.*

* * *

*Kia mizero, veki tiom da simpatioj !*

* * *

*Ne, nia koro ne grasiĝos.*

* * *

*Kvankam malfeliĉaj, ni nur ne estu malgrandaj !*

* * *

*Almenaŭ tion ni evitu : esti trompitaj de ni mem.*

* * *

*Eĉ sur brulantaj ruinoj kelkiuj varmigas sian supon.*

* * *

*Nu vidu, estas tiaj, kiuj mem volus doni pli ol teritorion.*

* * *

*Denove konstruadi ŝtaton.... por tio vere valoras vivi.*

* * *

*Nur tiu vere kredas, kiu laboras antaŭen.*

* * *

*Novaj homoj estas nur tiuj, kiuj kapablas plenumi novajn taskojn.*

* * *

*El « Lidové Noviny »* *Tradukis Skl.*

# La font-kreso
## Botanik-bonmanĝula babilaĵo

Vegetarano kaj viandmanĝanto estas du kontrastoj ! Se ambaŭ ne interkonsentas pri la principo en la nutrado, tiam pri unu « verdaĵo » ili ambaŭ harmonias en la opinio, ke verda salato estas io nepre bona. Salato ja estas la nomo por preparaĵo **salita**, ĉefe verdaĵoj kun malsamaj nomoj el diversaj plantfamilioj, inter ili la plej riĉa salatliveranto, la laktukoj.

La propagando de l' vegetaranoj por la sen-vianda vivado, plie la arda deziro « **konservi la linion** », alivorte resti svelta, popularigis grandskale diversajn variaĵojn de tielnomataj salatoj, kreitaj de kulturistoj. Sed samtempe oni rehonorigis foje konitajn specojn de verdaĵoj. Pri unu el ĉi tiuj verdaĵoj ni iom babilu.

Dum vintro, kiam kutima salato ne estas aĉetebla en aro da landoj, la verdŝatanto ĝojas revidi sur la vendplaco, korbojn plenajn je malhel-verda folietaro, ligitajn en malgrandaj faskoj. Estas la font-kreso.

La vintra temperaturo ne influas je la kresko de tiu ĉi plantaĵo. Kontraŭe, malvarmo kaj humideco pleje subtenas, ke la fontkreso havu tiun ĉi delikatfortan guston spican de ĉi tiuj folioj.

La fontkreso estas plantaĵo, jam konita en la antikveco klasika. Jam la greka kuracisto Dioskorido rakontas, ke la fontkreso estas manĝata krude kaj multe uzata kiel saniga rimedo. La Romanoj uzis ĝin por spici la manĝaĵojn ; ili ne uzis la folietojn, sed la trunketojn, kiuj, laŭ teksto el la kvara jarcento, estis venditaj en fasketoj de 20 pecoj. Ankaŭ en germanaj tekstoj frutempaj oni rilatas al ĝi, sed oni ŝatis ĝin kiel sanigilon ĉefe por sangpurigado. Por tiu ĉi celo oni manĝis la krudajn foliojn kiel medikamenton kontraŭ brust-doloroj, je kio oni uzis la tielnomatan « Fontkres-sukeron », sekan miksaĵon de kresfolioj, rapitan kune kun sukero. Hufeland, la kuracisto-verkisto (1762-1832) rekomendas en sia fama verko « **Makrobiotiko, aŭ la arto plilongigi la homan vivon** », la fontkreson kontraŭ iskiatiko kaj peza sango. La moderna medicino ankaŭ rekomendas la fontkreson kiel nutraĵon kun saniga efiko.

Kiu ne ŝatas ĝin kiel salaton, kvankam ĝi facile digestiĝas, manĝu la foliojn haĉitajn, iom salitajn, sur buterpano. Laŭ tiu ĉi formo la fontkreso ne estas nur plej nutriga pro la vitaminoj troviĝantaj en la kruda folio, sed ĝi ankaŭ efikas apetitinstige, speciale je malfortecaj, anemiaj homoj, havantaj inklinon por manĝaĵoj spicitaj, sed povantaj toleri nur malpezan menuon. Tiu ĉi gusto forta kaj incita devenas el sufiĉe akra etera oleo, la kres-acidaĵo trovebla en la folioj, kaj kiu donis la nomon al la kreskaĵo.

Recepto por bongusta supo estas la jena : Oni preparu per butero kaj iom da faruno la kutiman blankan saŭcon laŭ Bechamel, likvidan, kun laŭvola aldono de viand-ekstrakto ; poste oni aldonu la haĉitajn folietojn lasante ĉion sur la forno kun ne tro forta flamo dum kvaronhoro. Batita ov-flavaĵo, aldonita antaŭ servado estas konsilinda.

La kulturado de l' fontkreso estas originala kaj penplena. Ĝi kreskas ja libere en multaj lokoj, prefere ĉe riveretoj, fontoj kaj fosaĵoj kun akvo klara. Tamen, la sovaĝa fontkreso ĝenerale havas amaran kromguston. Por kulturi la fontkreson, oni devas atenti la naturajn vivkondiĉojn ; sekve oni kreskigas ĝin en artefaritaj akvofosaĵoj, daŭre trafluataj de freŝa akvo. Dum Aŭgusto oni komencas la plantadon ; antaŭe la fosaĵo devas esti bone purigataj kaj sterkataj. Tiam oni enplantas la detranĉitajn pintaĵojn de antaŭjara plantaĵo kovrata iom post iom per akvo, sekvante la kreskadon.

Oni manĝas la fontkreson nur dum vintro ; printempe, kiam ekfloras la plantaĵo, la folioj iĝas ledecaj, malmolaj neagrablaj laŭ gusto, pro tio nemanĝeblaj.

Kaj fine ni vidu la vorton. La fontkreso [1] apartenas al la familio de l' kruciferoj. Ĝia botanika nomo estas Nasturtium. La vorto **kreso**, uzata kun ŝanĝiĝanta ortografio eniris en multajn lingvojn. Ĝi signifis en la malnova germana « **akra** » ; apud ĝi la vortaroj citas « nasturcio », kies signifo estas « naz-incitiga ».

Kaj post ĉio :

Gustumu la kreson kun bona apetito !

[1] Nasturtium officin. — *Angle* : watercress — *Čeĥe* : rericha potočni — *Dane* : bróndkarse — *France* : nasturce, cresson — *Germane* : *Brunnenkresse* — *Hispane* : berro — *Holande* : waterkers — *Hungare* : zsázsa — *Itale* : crescione di fontana — *Svede* : Källkrasse.

# Malnovaj kult-konstruaĵoj hebreaj en Germanujo

La ondego de detruado, pasinta dum ĉi tiu monato super la posedaĵo juda en Germanujo, vekis ĉie sentojn de simpatio. Ne estu forgesata, ke estis detruitaj ankaŭ valoraĵoj kulturaj kaj artaj. La plimulto de la sinagogoj en Germanujo estas de juna dato, aŭ ili estas konstruitaj en la lastaj tri jarcentoj. Ekzistas kelkaj judaj kultkonstruaĵoj, kreitaj en la romanstila epoko, pruvantaj ke en tiu ĉi tempo jam troviĝis judoj, daŭre loĝantaj en tiu ĉi lando. La plimulto de la konstruaĵoj troviĝas en la regiono de la Meza Rejno. Ekzemple Worms posedas post Speyer (Spire) la plej malnovan sinagogon, kies muroj estas tutcerte de la 12-a, se ne eĉ de la dekunua jarcento. Ĉar la prezentado de vivantaj estaĵoj estas malpermesata pro religiaj motivoj, la interno de ĉi tiuj sinagogoj estas sen ornamaĵoj, tiel ke ili ne povis sin samrangigi al samtempaj pomp-konstruaĵoj kristanaj.

Rimarkinda juda konstruaĵo el la romanstila epoko troviĝas en proksimeco de Frankfurt a.M.- Temas pri la Juda banejo en **Friedberg**, (Hessen). Ne nur pro ĝia malofteco aŭ pro kulta kaŭzo tiu ĉi banejo meritas intereson. La konstruaĵo, kiu ne estas banejo en la kutima senco, sed rita virina banejo, troviĝas pli ol dudek metrojn sub la surfaco tera. La ŝtona ŝtuparo, kondukanta malsupren, estas tute bone konservita. Kvankam ĝi estas konstruita de judo — Isaak Koblenz — en la jaro 1260, la ornamaĵoj similas treege al tiaj de la samepoka urba preĝejo.

Spite la severa apartigo religia inter kristanaro kaj judaro, ekzistis tamen intimaj rilatoj, inter la kristana kaj juda arto. Ĉu la vandalismo de la pasinta semajno atingis ankaŭ ĉi tiujn art- kaj kultverkojn, ne estas konate ĝis nun. Ĉiuokaze ilia detruo signifus perdon neripareblan laŭ arta vidpunkto.

# Tra la Gazetaro

**Pola Esperantisto**
**Esperantysta Polski**
ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Respondante al P. E. pri ĝia plendo pro artikolo « **Vorto pri Litovujo** » ni ja konsentas, ke la vortoj uzitaj povis ofendi. Tamen ni enpresis ! Tio ne signifas, ke ni aprobas la formon ! Ni simple opinias, ke la malpli potenca, povu ankaŭ aŭdigi sin, kaj ŝajnas al ni iom strange, ke popolo kun apenaŭ 3 milionoj da loĝantoj povus senkaŭze sin levi kontraŭ najbaro, dekfoje pli nombra. Vole nevole la simpatio turnas sin al la malplimulto ! Kaj se tiu ĉi, okaze de batalo p a p e r a uzas vortojn akrajn, oni penu pensi en ties haŭto. Ekzistis tempo, kiam ĉie en la mondo regis simpatioj por Polujo. Ni ne povas diri, ke ĉi tiuj simpatioj ekzistas ankoraŭ en sama amplekso. Ankaŭ Poloj ŝajne forgesis, ke iam ili estis subpremitoj. Same kiel en la malfeliĉo ankaŭ en la feliĉeco pruviĝas la fortaj animoj, memorante la ŝanĝeblecon de l'sorto.

Lietuvos Žvaigždė
**LITOVA STELO**
Lietuvos Esperantininkų Draugijos organas
Organo de Litova Esperanto Asocio

rifutas en Sept-Oktobra numero la proteston de « Pola Esperantisto » pro ofendaj aludoj en artikolo « Vorto pri Litovujo », (Aprila numero de Esperanto).

« Litova Stelo » konsentas :

*« Kompreneble, tiaj disputoj ĉiam estas bedaŭrinda afero, kaj ni plene samopinias kun s-no Ŝapiro, ke nek « ESPERANTO » nek Esperanto devus pligrandiĝi la abismon inter la popoloj. Eĉpli, laŭ nia opinio, ankaŭ apartaj ŝtatoj tion ne devus fari. Tamen, bedaŭrinde, certaj ŝtatoj sukcesis eĉ dufoje nunjare ataki siajn najbarojn, kaj ni kuraĝas aserti, ke malaproba esperantlingva opinio pri tia agado ne estas ankoraŭ atako kontraŭ tiuj ŝtatoj. Tial ni ne trovas ataka ankaŭ la artikolon « Kien ni iras » en la nr. 468 de « Esperanto ». Tiom principe pri la problemo de atako ».*

Ankaŭ ni opinias, ke neniel malhelpas, se en niaj gazetoj oni traktas nuntempaĵojn. Ni konatiĝu, kvazaŭ kiel kuracisto, kun kaŭzoj de konfliktoj. Kompreneble konvenas bonformo inter ni !

**ORIENTA KURIERO**
者 使 東 遠
MONATA ILUSTRITA REVUO
*Hongkong — P. O. Box 10*

La Septembra numero de tiu ĉi revuo sin turnas en ĉefartikolo «*Al la Esperantistaro* » kun la propono krei servon de helpado al la ĉina popolo. Jen la koncerna parto :

*En tiuj konfuzitaj cirkonstancoj ni parolas al la tutmonda esperantistaro. Ili estas plejparte idealistoj, ĝis iu grado pli komprenemaj eĉ al ne simpatiaj ideologioj. Almenaŭ ili konservu sian menson kaj juĝkapablon en la ĝenerala krizo. Almenaŭ ili restu fidelaj al la veraj homaj idealoj, ili restu malvarmaj en la epoko de konfuzo. Ni fidas ilin, ni kredas en ilia solidareco. Sur la bazo de nia konfido ni sugestas projekton pri organizo de speciala ESPERANTO-BAZO por kolektiva esperanto helpo al Ĉinio.*

*Ni proponas la kreon de speciala esperanto helpo, financa, medikamenta, novajserva kaj propaganda.*

*La celo estas duobla. Doni realan helpon al nia lando, centrigi la ĝis nun disc funkciantajn fortojn sur esperanto kampo kaj samtempe, per la rezulto de nia laboro pruvi la konkretan valoron de nia lingvo.*

*La alvenontajn monsumon kaj medikamenton ni sendas al la ĉina armeo, menciante, ke ĝi estas la donaco de tutmondaj esperantistoj. La presservon ni utiligas en la ĉinlingvaj tagaj gazetoj, tradukante la ricevitan materion en nacia lingvo kaj samtempe ni sendas esperanto kaj anglalingvajn materiojn al niaj provizantoj.*

*

Plene simpatiante kun atakitoj, ni tamen kred... estus pli konvene, ne fari tiajn kolektojn. Pro simpla kaŭzo. Unue : ni estas tiom malmultaj, ke praktike ne rezultas io atentinda. Due : se jam oni entreprenas ion tian, oni pensu al v i k t i m o j. Por kuraci la vundojn, ne por krei novajn, ni devas labori, idee kaj fizike. Por la milito, tiom por la atako kiom por la defendo, ĉ i a m troviĝas la rimedoj. Dume la viktimoj sen armiloj, la virinoj, infanoj, maljunuloj en bombarditaj urboj plejofte ne ricevas la helpon kiun ili kriante alvokas. Esperantistoj, kiuj deziras kunhelpi faru tion plej bone en kontakto kun ekzistantaj organizajoj por tiu ĉi celo.

**L'ESPERANTO**
PERIODICO DI INFORMAZIONI E COMMENTI
VENTICINQUESIMO ANNO - N. 1-2 ★ UN NUMERO LIRE UNA

## La "vero" en la UEA-gazeto

« La vero venkos » diras UEA en artikoleto pri recenzo farita de nia gazeto. Sed por esplori kio estas la « vero » laŭ UEA, estas eble bone ke ni priparolu unu momenton pri alia artikolo de la gazeto de UEA, nome pri la artikolo « Esperanto en Italujo » publikita en la n. 457 de la 15.a de februaro 1938.

Siatempe naŭzis nin (estas la plej taŭga vorto) respondi al la sensencaĵoj de tiu artikolo, en kiu oni rakontis la historion de la rilatoj inter UEA kaj la Itala Federacio, laŭ tute... speciala vidpunkto, sed ni vidas nun ke pli oportune eble estas priparoli la aferon.

Ni havas en nia arkivo sufiĉe da leteroj por pruvi kiom malproksimaj de la vero estas la asertoj de tiu artikolo. Sed al ni sufiĉas montri ion, pri kio ĉiu samideano povas fari per si mem kontrolon.

Asertis la skribinto de la artikolo, H. J., (ĉu la konata Hans Jakob ?) kaj substrekis la vortojn, ke : *ne ekzistis kaj ne ekzistas la leĝa malhelpo por la funkciado de UEA* en Italujo. (Ni atentigis tiutempe pri la neceso de speciala *permeso*, kaj montris ni mem la vojon por ĝin havi, kiun poste sekvis UEA !).

Do ĉiu samideano povas facile havigi al si en iu biblioteko la Italan Punleĝaron de la jaro 1931, la nuntempan punleĝaron, kaj legi la artikolon 274, kiu laŭvorte diras :

« Ĉiu ajn aliĝas en la ŝtata teritorio al asocioj, institucioj, aŭ ties sekcioj, kun internacia karaktero, por kiuj ne estas donita permeso de la Registaro, estas punata per monpuno de 1000 ĝis 10.000 liroj. La sama puno estas por la civitano, loĝanta en la ŝtata teritorio, kiu, sen Registara permeso, aliĝas al asocioj, institucioj kun internacia karaktero, kiuj havas sian sidejon en eksterlando ».

Tio por la simplaj « anoj »; por la organizantoj kaj estrantoj (art. 273) estas antaŭvidata puno ĝis 6 monatoj en karcero.

Ĉu s.ro H.J., kiu eble scipovas italan lingvon, ne sukcesis tralegi kopion de tiu kodo ? Ĉu li opinias ke konformiĝo al nova Punleĝaro de propra lando estas vere nur «ridinda postulo » de la «tiama Esperanto-Estro en Italujo ? ».

Do ne estis kaj ne estas, kiel diris S-ro H. J., nur leĝo limiganta la rajton partopreni en internaciaj societoj al ŝtatoficistoj, ĉar estas simple komprenebla afero ke Punleĝaro rilatas al ĉiuj civitanoj.

Tiaspeca estas la « vero » de la artikoloj de la UEA-gazeto. Ĉu S-ro H.J. estis nesciado aŭ malbonfido ?

Ambaŭ, ni opinias, ne bonaj ecoj por batalanto de la Esperanto-movado.

*Univ. P.ro G. Canuto*

*

Je tio ni respondas :

1. Ni informiĝis rekte ĉe la reprezentantoj de la Itala Registaro en Genève. La koncerna alta funkciulo, Barono d.F. diris, ke laŭ li, ne ekzistas malhelpo por l i n g v a kaj senpolitika klopodado.

2. Ni ripetas do, ke ne ekzistas malhelpo por UEA, labori en la kadro de la statuto, prezentita al la Itala registaro, kiu informis nin :

(6 Junio 1934).

*Sekve de nia konversacio de la 4-a de Junio mi havas la avantaĝon komuniki al vi, ke la Reĝa Ministerio de l'Interno bonvolis doni la 28an de Februaro lasta, sian propran konsenton, ke la Universala Esperanto Asocio, kun sidejo en Genève havu reprezentantojn en Italujo. Bonvolu akcepti, Sinjoro Direktoro, miajn plej bonajn salutojn.*

3. Ni korektas do nian konkludon en la rilata artikolo forigante la vorton « leĝa », antaŭ malhelpo tiel ke ĝi tekstas :

Unuvorte : Ne ekzistis kaj ne ekzistas ia malhelpo por la funkciado de UEA en Italujo.

Siatempe la Ĝenerala Konsulo en Ĝenevo diris al ni, ke tiu ĉi leĝo en la aplikado neniel celas sociotojn kiel UEA. Ni tamen nin direktis al la fonto mem, nenion kaŝante, nenion aranĝante.

*Sed precize, tion kion ni faris, ne volis Sinjoro Orengo, nome nin rekte turni al la ŝtatĉefo.* Pri la ceteraj detaloj ne havas plu sencon paroli. Ĉiu rigardas la aferon laŭ sia maniero, kaj ni ne volas devigi Profesoron Canuto akcepti la nian.

## Esperanto en Francujo

Oni ĝoje surpriziĝis, aŭdinte dum pasinta monato per la Radio, la novaĵon pri libervola instruado de nia lingvo en francaj lernejoj.

La nuna decido estas unua paŝo al la deziro de ni ĉiuj : Esperanto en lernejon. Kaj en tiu ĉi mizera tempo, kiam nia lingvo estas ekstermata en iuj gravaj landoj, la gesto de l'franca Ministerio por Eduko estas kvazaŭ konsolo por ni.

Ni reproduktas la tekston en originalo kaj poste en esp. traduko.

**Paris, le 11 octobre 1938.**

**Le Ministre de l'Education Nationale à**
**Messieurs les Recteurs**

**Mon attention a été appelée à diverses reprises, sur l'intérêt que présente, dès maintenant, et que présentera davantage encore dans l'avenir, la connaissance de l'Espéranto, langue auxiliaire susceptible de faciliter les relations aussi bien entre les intellectuels qu'entre les commerçants et les techniciens des diverses nations.**

**J'ai l'honneur de vous faire connaître qu'il me paraît souhaitable de faciliter le développement des études espérantistes. Certes il ne peut être question de donner à l'enseignement de l'espéranto une place dans les horaires obligatoires de nos établissements du second degré et dans nos écoles techniques. Mais si des cours facultatifs d'espéranto peuvent être institués, je n'y verrai que des avantages. On peut l'admettre aux Loisirs dirigés.**

**Je vous serais obligé de porter ces instructions à la connaissance des chefs d'établissement scolaire de votre Académie.**

**Le Directeur de l'Enseignement Technique,**
**Signé : H. LUC.**

**Par autorisation Le Directeur du Second Degré**
**Signé : CHATENET.**

**Parizo, la 11-an de Oktobro 1938.**

**La Ministro de Nacia Edukado al**
**Sinjoroj Rektoroj**

**Mia atento estis divers-foje vokata al la intereso kiun reprezentas de nun, kaj kiun reprezentos ankoraŭ pli en la estonto, la kono de Esperanto, helpa lingvo kapabla faciligi la rilatojn tiom inter la intelektuloj kiom inter la komercistoj kaj la teknikistoj el diversaj nacioj.**

**Mi havas la honoron sciigi, ke ŝajnas al mi dezirinde faciligi la disvastiĝon de la studo de Esperanto. Certe ne povas esti demando doni al la instruado de Esperanto lokon en la horaron de la devigaj studoj de niaj duagradaj establaĵoj kaj de niaj teknikaj lernejoj. Sed se laŭvolaj kursoj de Esperanto povas esti enkondukataj, mi vidos en tio nur avantaĝojn. Oni povas tion allasi al la « Direktataj Distraĵoj ».**

**Mi estus al vi danka, se vi transigus tiujn instrukciojn al la kono de la ĉefoj de l'studaj establaĵoj de via Akademio.**

**La Direktoro de la Teknika Instruado**
**Subskribita : H. LUC**

**Laŭ rajtigo La Direktoro de l'Dua Grado**
**Subskribita : CHATENET**

## Niaj Mortintoj

*S-ro D-ro Paŭlo Stanišić*, advokato et Zemun, Jugoslavio 12an de Septembro. Malnova esp-isto, antaŭa delegito de UEA, fondinto kaj prezidinto de la grupoj en Vinkovci kaj Zemun, en kiuj lokoj li gvidis plurajn kursojn. Kiel financa spertulo kaj adepto de la novekonomia movado de Silvio Gesell, multe li verkis en tiu direkto. En la esp. gazetaro li ankaŭ aperigis plurajn artikolojn, eldonis kelkajn broŝurojn, kunredaktis la iun tempon en Germanujo aperantan « Nova Ekonomia Politiko ». Lia laborenergio ŝajnis esti neelĉerpebla, tamen, latrostreĉigo influis, li fariĝis nervmalsana, kaj, post okmonata suferado, memvole forlasis la mondon en la aĝo de 60 jaroj. En la memoro de siaj konatoj li restigis memoron de honesto kaj justemo.

*Sinjoro John J. Boutwood*, Hastings Anglujo, 22 Oktobro 1938, 78 jaraĝa. Jen malaperis plia elstara figuro de la movado en Britujo, vicprezidinto de la Brita Asocio ; malnova amiko de UEA, ano 1561 ĝis 1936 kaj longjara Delegito por fama loko Hastings.

Nia kunlaboranto-desegnisto S-ro Emile C u r t e n a z en Genève priploras la forpason de patrino.



**Fondinto: H. Hodler, † 1920**
**Redakcio: Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de UEA**
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 15/30 Novembro 1938